14-a jaro. — N-ro 3-4 (157-158) MARTO-APRILO 1928.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

Fondita en 1908

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :
**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

**JARA ABONPREZO : Fr. 20,—**
**EKSTERLANDE : Belgoj 5.—**

ANTVERPENO
1928

## OFICIALA INFORMA BULTENO

DE LA

## *20a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO*

ANTVERPENO 3-11 AŬG. 1928.

14a JARO N-ro 3-4 (157-158) MARTO-APRILO 1928.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj:
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.

**Konstantaj kunlaborantoj** : M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*




# LA HAVENO DE ANTVERPENO

**K. BOLLENGIER,**
**Ĉefinĝeniero de la Havenkonstrua Servo.**

Antverpeno kuŝas sur la dekstra bordo de la Skeldo, je proksimume 90 Km. de la Norda Maro. La Skeldo estas tiel potenca riverego ke, je malalta tajdo, en Antverpeno, ŝipoj kun pli ol 10 m. da profundeco povas resti ĉe la kajmuroj en tuta sekureco. Transatlantikaj vaporŝipoj kiel la «Belgenland» de la «Red Star Line» (27.000 t.) enveturas ĝis Antverpeno sen malhelpo.

Laŭ la Skeldo estas konstruitaj kajmuroj en profunda akvo, longaj je 5 Km. kaj kajsurfacoj de 100 ĝis 244 m. da larĝeco. La tutaĵo estas ekspluatata de la urbo je komuna profito de Ŝtato kaj Urbo. Krom la Skeldokajoj estas 3 malgrandaj dokoj por riverŝipoj. La grupo kun kluzaj dokoj norde de la urbo estas praktike la ekskluziva propraĵo de Antverpeno. Ĝi enhavas 15 dokojn al kiuj alkondukas 3 markluzoj. Kune tiuj dokoj havas areon de 155 Ha. kaj kajolongecon de proksime 22 Km.

La petrolinstalaĵoj apartigitaj de la aliaj haveninstalaĵoj troviĝas

sude de la urbo. Ili kovras surfacon de almenaŭ 65 Ha. Krom multaj kovritaj deponejoj kaj laborejoj ili konsistas el 20 ujoj kun suma enhavo de 300.000 m3 la tuto apartenante al la urbo.



Vaporŝipo "BELGENLAND„

La haveno disponas je pli ol 60 Ha. da deponejoj krom la Reĝa Deponejo kaj multaj aliaj magazenoj. Plie estas proks. 520 perakvaj kaj elektraj, rulantaj, arganoj de 1 1/2, 2 1/2, kaj 3 tunoj da levpovo, flanke de kelkaj ege potencaj arganoj kiel ekz. de 120 t., de 50 t., 40 t., 30 t. kaj 10 t. Tre nombra flosanta arganmaterialo ,inter kiuj ĉefe unu flosanta de 150 t., pluraj de 10 t., 50 t. k. t. p.

Por transverŝigo de grenoj la urbo posedas aron da 19 flosantaj grensuĉiloj, de kiu ĉiu povas transverŝi ĝis 200 t. pohore.

La trenado de la ŝipoj okazas de la urbo per 39 trenŝipoj provizitaj per fajrpumpiloj.

La haveno disponas je 7 sekaj dokoj, nombro kiu nun estas plialtigata ĝis 10. La plej granda povas enteni ŝipon laŭ la tipo de la «Belgenland».

Diversaj magazenoj, deponejoj kompletigas la instalaĵon. Inter la lasttempe konstruitaj ni nomu la kalimagazenojn, kiuj povas enteni 120.000 t. da kalisaloj.

La instalado de la havenkomplekso estas ege kompletigita de tre vasta fervoja reto, kun suma longeco de almenaŭ 400 Km. t. e. 800 Km. da reloj.

Instalita kiel ĉi supre dirite, la haveno de Antverpeno povis ĝoji pri granda disvastiĝo kaj pri senĉesa pliiĝo de siaj komercaj rilatoj, precipe dum la lastaj jaroj. Por konstati tion ni nur diru ke la tuta am-

plekso de la envenintaj ŝipoj en 1913 nombris je 13.761.961 t. kaj ke, ĉar pro la milito la ŝipveturado praktike nur rekomenciĝis en 1919, jam en 1922 la antaŭmilita tunnombro estis superigita, jam estante



La Rodo

15.000.000 por poste daŭre plialtiĝi. Ĝi atingis en 1925 22.794.896 t.; 11.599 marŝipoj enveturis en la havenon.

Tiun kreskon la antverpena haveno dankas al sia lokiĝo ,sur kaj en la tuja apudaĵo de la grandaj komercaj vojoj, al unu el la plej potencaj riveregoj, kiu kun granda profundeco penetras en la landon kaj estas ligata kun ĉiuj «hinterlandoj», ankaŭ kun la Rejno per tre vasta river- kaj kanalreto.

Krome Antverpeno estas ligata per potenca kaj densa fervoja reto unuflanke kun la interna lando, aliflanke kun ĉiuj malantaŭe troviĝantaj najbarŝtatoj.



Argano de 50 Tunoj

La potenca meĥanika periligo de la haveno, kun preskaŭ nelimigita nombro da arganoj kaj aro da elektitaj laboristoj, kiel nenie konata permesis uzi kaj profiti de la esceptaj lokiĝo kaj ligvojoj.

Do tial ne estas mirige ke ĉirkaŭ 200 konstantaj ŝiplinioj elektis Antverpenon kiel sian havenon.

La tarifoj de la Antverpena haveno kaj la kosto de transŝarĝiĝo en tiu haveno ankaŭ estas rimarkinde malplialtaj ol kie ajn.

Dum la lastaj 25 jaroj la marŝipmovado pli ol triobliĝis kaj precipe en la lastaj jaroj la plialtiĝo estis ege granda kaj krome tre regula.

Neniu ja miros pri la fakto ke, kvankam post la milito tri grandaj kaj profundaj dokoj kun kajlongeco de proks. 5 Km. plivastigis la

havenkomplekson oni devis antaŭvidi la alian disvastiĝon de la haveno, Je ĉi tiu momento grandaj laboroj estas entreprenataj. La nunaj dokoj estas ligataj al la Skeldo per markanalo de 6 Km. deflue de Antverpeno, sude de la loko nomata «Kruisschans», kie estas konstruita granda nova markluzo. La kanalo havas larĝecon parte de 300, parte de 400 m., ĉio kun profundeco de proks. 12 m.

La kluzo havas utilan longecon de 270 m., 35 m. da larĝeco kaj profundeco sur la sojloj de almenaŭ 10.50 m. sub la mezenombra alta akvo en la riverego. La veturo tra la kluzo povas ekkomenci en Julio.

La nova kanalo estos ankaŭ eksplutata kaj instalata kiel doko.Dum ĉi tiu jaro la urbo ankaŭ planas la konstruon de 2 novaj dokoj, tiel en 1923 la haventutaĵo havos ne malpli ol 45 Km. da kaj-surfaco, dum la akvospaco, nur de la dokoj ekster la Skeldo, estos almenaŭ 550 Ha. granda. Kaj aliaj gravaj laboroj estas planataj por la estonteco.



La Kanaldoko

La konstruado de novaj dokoj postulas siavice la disvastigon de la interrilatigaj vojoj, de la kanalreto: oni fosos novan, grandan kanalon rektan de Antverpeno al Lieĝo ,laŭ la karbbaseno de la Kempenregiono.

La surfaco de Antverpena teritorio mezuris ĝis la komenco de la jaro 1923: 2611 Ha. Tiam tereno de 985 Ha. sur la maldekstra Skeldobordo estis aldonita al la urbo. La surfaco de Antverpeno atingis tiam 3596 Ha. La teritorio je la Nordo de Antverpeno, kiu nun estas aneksita al la urbo mezuras 4261 Ha., tial ke per tiu plivastigo la teritorio nombras 7857 Ha.

**El la Flandra**
**Tradukis Hector Vermuyten.**

# LA ANTVERPENA ZOOLOGIA ĜARDENO

Dum la kongreso la membroj havos la multfojan okazon viziti la Zoologian Ĝardenon. Tial estas utile dediĉi al tiu interesa institucio kelkajn klarigajn vortojn.

Fondita antaŭ 84 jaroj la bestĝardeno ege plivastiĝis kaj pliriĉiĝis tiel ke ĝiaj kolektoj kaj instalaĵoj favore distingiĝas inter la plej belaj eksterlandaj kvankam dum la milito la societo suferis grandajn malgajnojn je financa vidpunkto kaj kvankam ĝi devis foroferi multajn valorajn «enloĝantojn».

Nuntempe la kolektoj estas denove kompletaj kaj la kongresanoj ne laciĝos admiri ilin. Ili precipe ĝuos la belan aspekton de la besteja parko mezuranta 10 Ha., admirinde plantita kaj prizorgata kaj kiu malkovrigas allogajn vidaĵojn.

La enirejo, monumente starigita, subtenas belegan grupon de Josué Dupon, kamelo kun sia kondukanto, kiu pezas 3000 kg.

La solena malfermo de la kongreso okazos en la festpalaco. Ĝi enhavas terason, promenejon kaj koncerthalon, vintran ĝardenon kaj kafejon kun restoracio. La kverka plafono de la promenejo, la t. n. «marmora salono» estas subtenata de 20 marmoraj kolonoj kun bronzaj sokloj kaj kapiteloj; la frizoj kaj paneloj estas faritaj el angla alabastro, la pavimo estas el blanka marmoro.

Inter la rimarindaj konstruaĵoj ni nomu «la egiptan templon», reprezentantan templon de la insulo Phila en alta Egiptujo. La palaco de la leonoj estas 72 m. longa kaj 22 m. larĝa kaj havas imponan enirejon ornamitan de kolosaj leonoj. La loĝejo de la rabobirdoj aspektas tre elegante kaj interesa estas la palaco de la rampuloj enhavanta krokodilojn, martestudojn, gigantajn ranojn, ĉiuspecajn serpentojn k. t. p. Vasta estas la loĝejo de la hipopotamoj kaj tiu de la bubaloj, rava la palaco de la fremdlandaj birdoj kaj la kaĝego,vera paradizo de la birdoj. Viziton indus jam sole la akvario konstruita laŭ la plej novaj postuloj de la oceanografia scienco. Ĝi enhavas fiŝojn el ĉiuj maroj de la tero. La akvario por la maraj fiŝoj estas provizata per akvo el la Meza Maro kaj dank'al speciala sistemo, tiu akvo povas esti reuzata dum 3 jaroj.

La Zoologia ĝardeno de nia urbo, pri kiu la tuta lando fieras konsistigas veran institucion de publika intereso kaj potencan ilon de scienca vulgarigo kaj krom tio lokon de eleganta kaj monduma amuzado.

La kongresanoj havos bonegan okazon, promenante en la granda parko, familie interkonatiĝi kaj samtempe ekprenos facile kontakton kun la Antverpena publiko.

La estraro, malgraŭ la nuntempaj malfacilaj circonstancoj sukcesas ankoraŭ pliriĉigi la kolektojn. En 1926 ĝi akiris 1.328 bestojn. Je kiom da kostoj por tiu privata societo! La sekvantaj prezoj donos ideon pri tio. Leono, laŭ sia aĝo kaj beleco kostas de 15.000 ĝis 40.000 Fr. Junaj Bengalaj tigroj estis prezentataj je 5.500 kaj 6.000 Mk. Paro da junaj

ĝirafoj ne estas akirebla je malpli ol 35.000 ĝis 40.000 Mk. Juna elefanto kostas po 40.000 — 60.000 Fr. kaj antropopiteko, laŭ sia aĝo, po 7.500 kaj 12.000 Fr.

Kaj ni atentu ankoraŭ pri la ege grandaj elspezoj por la manĝaĵoj Elefanto ricevas ĉiutage 7 kg. da pano, 30 kg. da betoj, 1 Kg. da rizo, 3 kg. da marbiskvito, 25 kg. da fojno, 5 kg. da pajlo kaj trinkas 135 l. da akvo. Ĝi kostas pojare almenaŭ 15.877.50 Fr. Plenkreska leono kaj tigro ricevas ĉiutage 4 kg. da viando kaj kostas al la societo pojare 5.840 fr. Pasintan jaron ĝi elspezis por la manĝaĵoj de siaj «gastoj» 575.000 Frankojn!

Ni povus daŭrigi tiun liston sed tio jam sufiĉas por montri la gravecon de tia entrepreno.

La vizito al la Zoologia Ĝardeno estos por la multnombra kongresanaro daŭra allogado. Multaj eble konos pli vastajn bestejojn sed certe konvinkiĝos ke neniu en Eŭropo estas komparebla al ĝi pro la beleco de la ĝardeno, la diverseco de la bestkolektoj kaj la riĉeco de la monumentoj.

T.

# INFORMA BULTENO Nº 3

Bultenoj 1 kaj 2: Vidu paĝojn 4 kaj 31.

KOTIZO: 35 Belgojn. — Por infanoj ne pli aĝaj ol 14 jaroj: 5 Belgojn. — Por **blinduloj** la partopreno estas senpaga.

PAGOJ: Ni tre insistas por ke oni kiel eble plej multe pagu per poŝtĉeka servo aŭ per poŝtmandato.

DONACOJ: Ĝis nun ricevita sumo: bfr. 282.50 (Belgojn 56.50).

BLINDULA KASO : Ĝis nun ricevita sumo : bfr. 115.00 (Belgojn 23.00).

SUBVENCIO: La Urbestraro de Antverpeno decidis doni al la L. K. K. subvencion de Bfr. 12.500.— (Belgojn 2.500).

FAKAJ KUNSIDOJ: (Vidu paĝon 31). Anoncis sin ankoraŭ por organizo de fakaj kunsidoj:

**Bahaanoj.** — Aranĝanto: S-ro Vuk Echter, c/o Bruckner's, Havlîčkova nam., 24, Praha II (Ĉeĥoslovakujo).

**Bankfaka Esperanto-Asocio Tutmonda** : Güntzelstrasse 31, Berlin - Wilmersdorf (Germanujo).

**Blinduloj.** — Aranĝanto. — S-ro V. Hendricx, Ruststraat, 52, Ukkel-Bruselo (Belgujo).

**Farmaciistoj.** — Aranĝanto: S-ro Oscar Van Schoor, Vondelstraat, 20, Antverpeno.

**Framasonoj.** — Interesiĝantoj pri ebla kunsido sin turnu al «Framasona kunsido» laŭ adreso: L. K. K., 11 Kleine Hondstraat, Antverpeno.

**Komercistoj**: Aranĝanto: Antverpena Komitato por internacia komerca lingvo; delegito: S-ro Morris De Ketelaere, Oostenstraat, 25, Antverpeno.

**Juristoj**. — Aranĝanto: S-ro Liebeck, Ĝenerala sekr. de «Internacia Societo de la Esper. Juristoj, Spittelmarkt, 11, Berlin S. W. 19.

KRISTANOJ: Aranĝanto: S-ro Ch. A. Fairman, Binfield Road, 24, London S. W. 4 (Anglujo), Sekretario de Kristana Eklezia Ligo Internacia.

MUZIKISTOJ (kunveno kun artprogramo): Aranĝantino: F-ino Marie Havrankovo, Pod Koširem 31, Prostejov (Ĉehoslovakujo).

**Presa Ligo Tutmonda** (ĵurnalistoj, redaktoroj, gazetfakuloj), nun en preparo kaj oficiale fondota dum la kongreso. Aranĝanto: S-ro H. J. Hoen, Unter Goldschmied, 17, Koeln/Rh. (Germanujo).

**Policanoj**. — Aranĝanto: Antverpeno Polica Grupo Esperantista, — Sekretario: S-ro G. Zwaenepoel, Gildekamersstraat, 9, Anverpeno.

**Rotarianoj** : Aranĝanto: S-ro Douglas P. Boatman, Sekretario kaj Kasisto de Rotaria Esperanto - Amikaro, 39, Alexandra Street, Southend-on-Sea (Anglujo).

LOĜADO: En ĉi tiu numero estas mendilo por la loĝado. Ni petas baldaŭan alsendon kun la mono. Oni bonvolu atenti la specialajn rimarkojn sur la dorsflanko de la mendilo.

KONGRESINSIGNO: Ni ricevis dudekon da projektoj. Lasta templimo estas la 15a de Majo 1928.

PASPORTVIZO: Vidu paĝon 31.

SOMERA UNIVERSITATO: La nunjara temo de la Somera Universitato estos «**La Maro kaj la Navigacio**», kun prelegoj pri navigacio ĝenerale, internacia mara juro, hidrografio, internacia komerca en rilato kun la maro, ŝipkonstruado, k. c. — Ni esperas pri la partopreno de diversnaciaj prelegantoj. Interesiĝantoj sin turnu al I. C. K., 12 Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando).

FERVOJO: Kune kun la proksima bulteno ni dissendos la kartojn rajtigantajn akiri la rabaton de 35 % sur la belgaj fervojoj.

La rabatkartoj estos validaj de la 1. ĝis 20a de Aŭgusto. — La L. K. K. petas la naciajn societojn organizi grupajn vojaĝojn kaj akiri por ĉi tiuj rabaton ĉe la koncernaj fervojaj administracioj.

Por la kongresanoj kiuj deziros vojaĝi kelkan tempon en Belgujo: Ekzistas ĝeneralaj abonkartoj por ĉiuj fervojoj en Begujo:

1) Abono de 5 tagoj 2a klaso Fr. 200 (Belgojn 40); 3a klaso Fr. 110 (Belgojn 22).

2) Abono de 15 tagoj: 2a klaso Fr. 350 (Belgojn 40) ;3a klaso Fr. 200 (Belgojn). Tiujn abonojn oni povas mendi ĉe kiu ajn belga stacio, kunsendante 2 portretojn 6 cm. altajn × 4 cm. larĝajn.

PROGRAMO. — La organiza komitato antaŭvidas kelkajn ŝanĝojn en la publikigita provizora programo. Pli malpli definitiva programo povos aperi en la No Majo aŭ Junio de «**Belga Esperantisto**».

EKSKURSO AL BRUSELO. — La ekskurso okazos la lastan tagon de la kongreso Sabaton, la 11an de Aŭgusto. Tiamaniere la kongresanoj povos el la ĉefurbo reveturi hejmen aŭ komenci sian postkongresan vojaĝon. La vojaĝbileto de Antverpeno al Bruselo estos senpaga en 3a klaso.

KONGRESA FESTENO: La kongresa festeno okazos en Bruselo, la 11an de Aŭgusto, je tagmezo.

La prezo estos: Bfr. 40 (Belgojn 8.00).

POSTKONGRESA EKSKURSO EN BELGUJO : La partoprenontoj loĝos en Bruselo dum 5 tagoj (unua nokto: la 11an de Aŭgusto), en hoteloj antaŭ-mendotaj per la speciala mendilo. Tiu sistemo estas elektita, ĉar Belgujo ne estas tre granda, kaj oni povas facile reveturi Bruselon ĉiun vesperon. La partoprenantoj ricevos senpage 30 belajn ilustritajn poŝtkartojn de Bruselo kun klariga teksto en Esperanto. La programo de la postkongresa ekskurso estos komunikata per la proksima numero de B. E.

La prezoj estas proksimume:

Por la fervojo en 2a klaso: Bfr. 250 (Belgojn 50).

Por la fervojo en 3a klaso: Bfr. 185 (Belgojn 37).

Tiuj sumoj enhavas parton por eventuala veturado en aŭtomobiloj, ŝipoj, tramoj. Dekalkulo estos poste farata.

La partoprenantoj devas aldoni al la mendilo du fotografaĵojn 6 cm. altajn × 4 cm. larĝajn.

Oni povas mendi la 5 tagmanĝojn por 25 Belgoj (inkluzive taksoj kaj trinkmono); trinkaĵoj aparte pagotaj.

Grava rimarko: Plenumo de la mendoj, kiuj alvenos post la 15a de Julia ne estas garantiata.

OFICIALAJ KUNVENOJ: Pri ĉio kio koncernas la tagordon de la oficialaj kunvenoj oni bonvolu senpere skribi al «Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado», 12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando).

INVITO AL ORGANIZACIOJ. — Naciaj societoj, Ligoj, Grupoj, k. c., kiuj dezirus, ke iu aŭ alia institucio (komercaj ĉambroj, gravaj korporacioj, urbestraroj, aŭtoritatoj, gazetoj, k. t. p.) estu invitata nomi delegiton al la kongreso, bonvolu sendi tuj detalojn al I. C. K.

30 Aprilo 1928. **Loka Organiza Komitato**

11, Kleine Hondstraat, Antverpeno.

---

# LASTHORE

**Jus antaŭ ol presigi tiun ĉi numeron de nia oficiala bulteno atingis nin la ĝojiga novaĵo, ke Lia Reĝa Moŝto ALBERTO, Reĝo de la Belgoj, akceptis la Altan Protektantecon de la 20a Universala Kongreso de Esperanto.**

BELGA VIZO. GRAVA! La nacianoj de la landoj kiuj bezonas la belgan vizon povos libere eniri en Belgujon, por ĉeesti la 20an Kongreson de Esperanto. Ĉe la landlimo ili devos montri sian provizoran kongreskarton, sur kiu ili estos antaŭe gluintaj sian fotografan portreton (prefere la saman kiel tiu de siaj identecdokumentoj). — Ili do nepre ne prokrastu sendi sian aliĝilon, por ke la provizora kongreskarto atingu ilin ĝustatempe.

TEATRAJO. — La Loka Kongresa Komitato decidis organizi prezentadon de «Hamleto», tragedion en kvin aktoj, de W. Shackespeare, tradukitan de D-ro L. L. Zamenhof.

---

## 3a LISTO DE LA KONGRESANOJ

201. S-ro Adamson Charles Frederic, komerca komizo, Liverpool Ang.
202. S-ro Ford Alfred, domkonstruanto, Birmingham (Anglujo).
203. S-ro Kyffin - Taylor Gerald, solicitoro, Birkenhead (Anglujo).
204. S-ino Kyffin - Taylor Olive, Birkenhead (Anglujo).
205. F-ino Welch Edith Marianne, Southport (Anglujo).
206. S-ino Gillett Mary Catherine, Banbury (Anglujo).
207. S-ro Schack Andreas, instruisto, Flensburg (Germanujo).
208. F-ino Roost Germaine, Antverpeno (Belgujo).
209. D-ro Bartomeu Ramon, farmaciisto, Barcelono (Hispanujo).
210. S-ro Laurent Antoine, inĝeniero, Bruselo (Belgujo).
211. S-ro Droste André P. G., administracia fervojisto, Utrecht (Ned.)
212. S-ino Droste - Kin, Ida Lud., Utrecht (Nederlando).
213. S-ro Merrick W. Percy, Shepperton (Anglujo).
214. S-ino Merrick M. Charlotte, Shepperton (Anlgujo).
215. F-ino Hermes Agnes - Hermine, licea instruistino, Wiesbaden. (Germanujo).
216. S-ro Stratil Adolf, banka librotenisto, Breclav (Ĉeĥoslovakujo).
217. S-ro Hetzel Henry W., profesoro de artinstruado, Philadelphia (Usono).
218. S-ino Ŝaŝinova Marie, privatulino, Krenovice (Ĉeĥoslovakujo).
219. F-ino Monsinjon Marie, Cosne-sur-Loire (Francujo).
220. S-ro Echtner Vuk, komerca oficisto, Praha (Ĉeĥoslovakujo).
221. S-ro Archer Frederick, librotenisto, London (Anglujo).
222. S-ro Adams Alfred John, Hastings (Anglujo).
223. S-ro Fairman Charles Arthur, Londono (Anglujo).
224. F-ino Holman Homan Jeannie, Newport (Anglujo).
225. F-ino Rhys - Jones Grace, Newport (Anglujo).
226. S-ro Leakey James, Hatfield (Anglujo).
227. F-ino Billington Mildred Annie, kasistino, Luton (Anglujo).
228. F-ino Clarke Florence Mary, ĉapelistino, Luton (Anglujo).
229. F-ino Jörgensen Anna, fakestrino, Kopenhago (Danujo).

230. F-ino Rybo Astrid, lerneja vicinspektorino, Kopenhago (Danujo).
231. D-ro Liebeck Siegfried advokato, Berlino (Germanujo).
232. F-ino Schulze Anni, oficistino, kontoristino, Hagen (Germ.)
233. S-ro Gili Norta, Joan, komercisto, Barcelono (Hispanujo).
234. S-ro Currie Walther Bell, komercisto, Burnley (Anglujo).
235. S-ino Currie Walther B., Burnley (Anglujo).
236. S-ro Blythe Frederik Norman, bankoficisto, Ipswich (Anglujo).
237. F-ino Walker Edith Emily Ipswich (Anglujo).
238. F-ino Chinery Florence Hilda, oficistino, Ipswich (Anglujo).
239. S-ino Jacobs Elise Flensburg (Germanujo).
240. S-ro Scharwächter Hendrik Arnhold, lunĉeja ĉefo, Hago (Nederl.)
241. F-ino Craig Catherine, instruistino, Keighley (Anglujo).
242. F-ino Fortey Isabel C., Whitstable (Anglujo).
243. F-ino Jones E. A., Kingston-on-Thames (Anglujo).
244. S-ino Kendrick E. M., East Molesey (Anglujo).
245. F-ino Barnes Eliza Victoria, Reg-servado, Southsea Portsmouth (Anglujo).
246. S-ro Pope Francis Rendall, komiżo, St. Helens (Anglujo).
247. F-ino Szalay Anna, Banja-Luka (Sudslavio).
248. S-ro Mast, Jan Leendert, regna ŝparkas-oficisto, Amsterdam (Nederlando).
249. S-ro Diekmann Heinz, seruristo, Recklinghausen (Germanujo).
250. S-ro Harsveld, Gerardus Wilh., oficisto, Hago (Nederlando).
251. S-ro Yoshimi Hayashi, apotekisto, Ichishigun (Japanujo).
252. S-ro Larue Paul, oficisto en Entrepreno de publikaj laboroj, Parizo (Francujo).
253. S-ro Jayne Ernest, komizo, Shirley-Croydon (Anglujo).
254. S-ino Jayne Annie M., Shirley-Croydon (Anglujo).
255. F-ino Mortimer Florence, Hastings (Anglujo).
256. S-ro Bow William H., Portsmouth (Anglujo).
257. S-ino Bow A., Portsmouth (Anglujo).
258. F-ino Bow Mabel, Portsmouth (Anglujo).
259. S-ro Bishop Wilfred O., Ŝtatservisto, Whitstable (Anglujo).
260. F-ino Ireland Elizabeth B., Hove (Anglujo).
261. S-ro Gehrmann Josef, komercisto, Recklinghausen (Germanujo).
262. S-ro Rambousek Jan, generalo, České Budějovice (Ĉehoslovakujo).
263. S-ro Alessio Alberto, admiralo, Romo (Italujo).
264. S-ino Alessio Loti, Romo (Italujo).
265. S-ro Migliorini Bruno, privata docento ĉe Universitato, Romo (It.)
266. S-ro Janik Maksymiljan, Hajduki-Wielkie (Polujo).
267. S-ro Van Doorne Cornelis, oficisto, Rotterdam (Nederlando).
268. S-ro Sergeant Lucien E., advokato, Boulogne-sur-Mer (Francujo).
269. S-ino Seageant Alice M., Boulogne-sur-Mer (Francujo).
270. S-ino Altmann-Koopman Maria J., 's Gravenhage (Nederlando).
271. S-ro de Vries Adriaan, Amsterdam (Nederlando).

272. S-ro Dünis Gerhard, instruisto, Jöhstadt (Germanujo).
273. S-ro Zeidler Willi, oficisto, Berlino (Germanujo).
274. S-ro Röllinger Hugo, teknikisto, Ansbach (Germanujo).
275. S-ro Lösche Bernhard, pastro, Leipzig (Germanujo).
276. F-ino Schraudolph Johanna, instruistino, Sonthofen-Allgäu (Germanujo).
277. S-ro Krebs Teodor L., instruisto, Sonthofen-Allgäu (Germanujo).
278. F-ino Thiébault Suzanne, Carignan (Francujo).
279. F-ino Henry Marie, Carignan (Francujo).
280. S-ro de Jonge Hendrik, pastro, Bergen-op-Zoom (Nederlando).
281. F-ino Stredwick Margaret, Hastings (Anglujo).
282. S-ro Batt Aubrey G., instruisto, Accrington (Anglujo).
283. F-ino Leadley-Brown, advokato, Wallasey (Anglujo).
284. S-ro Wallis William, sekretario Edu., Stoke-on-Trent (Anglujo).
285. S-ro Brash Robert, instruisto, Luton (Anglujo).
286. S-ino Smith M. I., Hornsey (Anglujo).
287. S-ro Smith S. J., Hornsey (Anglujo).
288. F-ino Read Elizabeth B., Bath (Anglujo).
289. S-ro Diaz Alberto, funkciulo de publikaj laboroj, Bata (Afriko).
290. S-ino Wickam Georgina, Monzins (Francujo).
291. S-ro Le Bourhis, Emile, studento, Toulouse (Francujo).
292. S-ro Johannes Georg, Düsseldorf (Germanujo).
293. S-ro Bujwid Odo, universitata profesoro, Krakow (Polujo).
294. Colegio de Farmaceuticos, Barcelona (Hispanujo).
295. S-ino Moreau, Orléans (Francujo).
296. S-ro Knopf Karl, studkonsilisto, Schwarzenberg (Germanujo).
297. S-ino Knopf Gertrud, Schwarzenberg (Germanujo).
298. F-ino Rose Grace, modistino, Bath (Aglujo).
299. F-ino Ekins Mary E., Letchworth (Anglujo).
300. S-ro Bridger Henry John, kasisto, Erith (Anglujo).

Korekto: No 162 oni legu: S-ro Faul, anstataŭ Paul.

## LAUNACIA STATISTIKO DE LA ALIĜINTOJ

Angloj 98, Aŭstroj 2, Aŭstraliano 1, Belgoj 51, Ĉehoslovakoj 7, Danoj 3, Danzigano 1, Finlandano 1, Francoj 26, Germanoj 32, Hispanoj 9, Irlandanoj 3, Italoj 5, Japano 1, Kroatoj 4, Nederlandanoj 27, Perso 1, Poloj 7, Saarterioriano 1, Skotoj 11, Svisoj 5, Usonanoj 4.

Entute 300.

Nacioj reprezentataj 22.

## ALIĜU BALDAŬ !

La kontentiga organizado de niaj internaciaj kongresoj preskaŭ ĉiufoje estas forte malhelpata per prokrastitaj aliĝoj alvenantaj nur dum la lastaj du aŭ tri semajnoj antaŭ la kongreso. Tio evidentiĝis precipe ĉe la Kon-

greso de Danzig. Por Antverpeno, karaj kongresemuloj, evitu la embarasigon al la Organiza Komitato kaj aliĝu kiel eble plej baldaŭ. Vi mem havos utilon el tio, ĉar vi estos pli bone gastigataj en la kongresurbo, se la komitato havos sufiĉan tempon por okupi sin pri viaj restadaferoj. Aliĝiloj jam estas abunde distribuitaj, do — uzu ilin laŭcele kaj baldaŭ!

Kongresanoj, kiuj intencas partopreni la karavanon de Rudolf Mosse, sendu sian aliĝilon, kune kun la kotizo (21 RM), al Rudolf Mosse, Esperanto-Fako, Berlin SW 19, Jerusalemer Strasse 46-49 (poŝtĉekokonto: Berlin 39862). Poste pagante la monon por la karavano, ili dekalkulu la jam pagitan kotizon.

G. E.

---

## KONGRESA KARAVANO DE RUDOLF MOSSE

Ni jam publikigis la provizorajn detalojn pri nia karavano; en Majo ni espereble povos konigi ĉion necesan definitive. Kiu ankoraŭ ne legis niajn provizorajn sciigojn kaj interesiĝas pri ili, bonvolu peti de ni ilian senpagan alsendiĝon. Tamen ni jam nun akceptas aliĝojn laŭ la ĉi-supra informo. Ankaŭ niaj preparaj laboroj estos multe faciligataj, se ni sufiĉe frue scios la proksimuman nombron de niaj karavananoj.

La ekstergermanujajn Esperantistojn ni ankoraŭfoje atentigas pri nia publikigo en la antaŭa numero rilate al la landoj, el kiuj povos partopreni kongresanoj en nia karavano, kaj speciale ni petas, konsideri la partoprenon en la Antaŭkongreso en Stuttgart.

Ĉiu partoprenonto de nia karavano ricevos senpage kompletan kolekton de 30 ilustritaj poŝtkartoj pri Antverpeno kun historiaj notoj en Esperanto.

**Rudolf Mosse, Esperanto-Fako**
**Berlin SW 19, Jerusalemer Strasse, 46-49**
**(Poŝtĉekokonto: Berlin 39862).**

---

## ALIA KARAVANO EL ANGLUJO

Dua karavano estas aranĝata kun koncentriga loko Londono (Victoria) tra Dover koj Ostendo je malalta kosto. La prezo enkalkulanta duaklasan bileton, iro kaj reveno, nuaklasan hotel - restadon dum unu semajno, ĉiuj manĝaĵoj, trink-mono por la servado kaj imposto, estos L.st. 7.10.0 por ĉiu persono.

Aranĝantoj: Firmo Dean and Dawson, 7 Blandbord Square, London, N. W. 1, kaj S-ro A. Gracey, D. B. E. A., «Banavie» St. Helen's Park Road, Hastings, Sussex.

---

# POSTKONGRESAJ KARAVANOJ

## AL PARIZO.

Plenumante proponon, de diversaj flankoj faritan al ni, ni decidis aranĝi postkongresan karavanon al Parizo por tiuj kongresanoj kiuj de Antverpeno devos hejmen iri al aŭ tra Germanujo. La vojaĝo komenciĝos la 11an de Aŭgusto posttagmeze en Antverpeno kaj finiĝos la 16an de Aŭgusto en Frankfurt a. M. aŭ la 17an en Berlin. La restado en Paris daŭros kvin tutajn tagojn, en kiuj la karavananoj vizitos la vidindaĵojn de la franca metropolo kaj de ĝia ĉirkaŭejo. Le definitivan programon kaj la kostojn ni komunikos en Majo; sed jam nun ni petas la interesiĝantojn konsideri ĉi tiun karavanon por siaj kongresaj vojaĝdisponoj.

Ĉar ni povas aranĝi nur unu postkongresan karavanon, ni rezignas pri la kunaranĝo de l'unue anoncita surŝipa vojaĝo nordlanda. Kiu intencas partopreni ĉi tiun, bonvolu turni sin nur al Bennets Reisebyraa, Observatorie gt. 2B, Oslo (Norvegujo). La oficejo donas detalajn informojn en Esperanto. **Rudolf Mosse, Esperanto-Fako,**

**Berlin, SW. 19, Jerusalemer Strasse, 46-49.**

## AL NUERNBERG.

La vizitontoj de la 20a Universala Kongreso de Esperanto en Antverpeno el la orientaj landoj prenos por la reveturo certe la plej rektan vojon tra Nürnberg. Tiu urbo festas de aprilo ĝis septembro 1928 la rememoron al la plej granda pentristo el ĉiuj tempoj, al Albrecht Dürer. La antikva urbo pro si mem alogas ĉiujare grandan aron da eksterlanduloj, des pli dankinda estos la vizito al la urbo dum tiu ĉi jaro pro la grandstilaj, imponaj aranĝoj de la Dürerjaro, pri kiuj la Esperanta gazetaro jam raportis.

La Esperantistaro de Nürnberg invitas la kongresanojn, viziti post la DUDEKA la urbon de la DEKKVINA. Nedevigajn aliĝojn kun la proksimuma dato de la alveno oni sendu al S-ro Otto Pilhofer, Nürnberg 19, Germanujo. Se sufiĉe da aliĝoj alvenos, specialaj aranĝoj, iluminado de la kastelo k.t.p. okazos, pri kiuj ni raportos en konvena tempo. Ĉiuj Esperantistoj traveturantaj Nürnbergon, bonvolu dum sia restado en la urbo telefone interrilati kun No 53740.

---

# BELGA KRONIKO

AALST. — La 28an de Februaro fondiĝis en Aalst nova Esperanto-Grupo «Pioniro» kiu, jam de nun kalkulas 40 anojn. Sukceson garantias la fakto, ke niaj agemaj geamikoj fraŭlinoj De Vuyst kaj Maesschalck, S-roj Robyns, Van Geit, Van Schamelhout kaj Talloen bonvole prenis sur sin la gvidadon. — Perfektiga kurso, lerte donata de la bonegaj lernintoj de S-ro Bas, tuj komenciĝis. — Kunvenoj: ĉiumarde, je la 20a h. en kafejo «Boerenbond».

Bonvenon en la granda familio Esperantista al niaj novaj kunlaborantoj kaj brilan sukceson al ili.

ANTVERPENO. — «La Verda Stelo». — La 3an de Marto okazis en la kutima ejo la ĝenerala monata kunveno.

Mardon, la 6an, komenciĝis la unua leciono de la dua kurso francling-ve gvidata de S-ro Schiffer.

Sabaton, la 10an, S-ro Prager el Bukarest, rakontis pri la Rumana bonhumoro en literaturo. Lia interesa kaj amuza parolado rikoltis varm-ajn aplaŭdojn.

Lundon, la 12an okazis amika akcepto de S-ro René Chapron, advo-kato el Le Mans, kiun «La Verda Stelo» invitis en Antverpenon por fari franclingve paroladon pri Esperanto antaŭ la Antverpena advokataro.

Sabaton, la 17an, dua kostumbalo, tiun ĉi fojon en salonego «Patria», belege sukcesis. Premioj estis disdonitaj al tiuj, kiuj havis belajn, ori-ginalajn aŭ komikajn kostumojn.

Rotari-klubo de Antverpeno. — La 16an de Marto S-ro Victor Gos-siaux paroladis pri Esperanto. — Li klarigis la gramatikon ,montrante tiel la facilegan teknikon de nia lingvo. Li parolis ankaŭ pri la deveno, la disvastiĝo kaj la estonteco de Esperanto.

EKSPOZICIO DE LA ANTWERPSCHE BEELDHOUWERSKRING. — La konata societo «Antwerpsche Beeldhouwerskring», organizis en la Urba festsalonego, de Antverpeno, belegan ekspozicion de verkoj de siaj membroj. Kun speciala plezuro, la Esperantistoj povis tie rimarki belegan medaljonon kiu reprezentas nian gloran majstron D-ro L. L. Zamenhof. Ĝi estas verko de membro de la Antverpena grupo «La Ver-da Stelo», la konata artisto Rik Sauter, kiu vere metis sian tutan koron en la efektivigo de tiu bela verko, kaj ni ne dubas ke ĝi multe plaĉos al la Esperantistaro. De nun jam S-ro Rik Sauter akceptu plej sincerajn gratulojn pro siaj klopodoj.

BRUĜO. — La kurso gvidata de S-ro Dervaux prezidanto, finiĝis la 17an de februaro,kun kerno ĝisfina de fidelaj lernantoj.Unu inter ili S-ro Pierre Vermeulen, en la nomo de la lernantoj, kaj F-ino Yvonne Thoo-ris, Honora Vicprezidantino, anstataŭante S-ron Witteryck, Honora Pre-zidanto en la nomo de la grupo, dankis per tutkoraj vortoj la lertan kaj sindoneman profesoron.

La 28an de februaro la grupo akceptis D-ron P. Kempeneers kiu faris tre interesan paroladon pri «La libera urbo Danzig kaj la 19a Uni-versala Kongreso de Esperanto».

Per sia priskribo, per aŭdigo de fonografdiskoj kun paroladoj de D-ro Privat kaj vidigo de belaj lumbildoj de Danzig kaj de la kongre-so, li sukcesis vivigi por la grupanoj la atmosferon de universala kon-greso kaj tiel instigis ilin ĉeesti la venontan kongreson en Antverpeno. La aŭskultantoj ne ŝparis al li merititajn aplaŭdojn.

BRUSELO. — Lundon, la 30an de Januaro. — S-ino Biesterfield, an-gla anino kaj helpsekretariino de la grupo,faris paroladon pri «Hinujo»

(kun lumbildoj). Nia samideanino estas speciale kompetenta por pritrakti tiun temon: ŝi ja naskiĝis en Ĥinujo kaj loĝis dudek jarojn en tiu lando.

Lundon, la 6an de Februaro, parolado de S-ro R. J. De Leener, inĝeniero pri «La Unuaj geologiaj Periodoj» (kun lumbildoj) .

Jaŭdon, la 9an kaj vendredon 10an de Februaro, propagandaj paroladoj 1o) de D-ro Kempeneers en la Unuagrada Supera Lernejo de Ixelles, pri «Danzig kaj la Esperanto Kongreso»; 2o) de F-ino Jennen pri «Zamenhof kaj lia verko», en la Popola Universitato de Schaerbeek.

Dimanĉon, la 12an de februaro, okazis ekskurso al Ronquières, kaj vizito de la tieaj ŝtonminejoj, sub gvidado de S-ro P. J. De Leener. Partoprenis 25 geanoj reprezentantaj ses naciecojn: Anglan, belgan, francan, holandan, polan kaj rusan. Plena sukceso sub prezidado de la suno. Estis printempo en la vetero kaj en la partoprenantaro.

Lundon, 13an de februaro, nia rumana samideano S-ro Siegmund Prager estis akceptata en la grupo kaj faris multaplaŭditan prelegon pri «Rumana Bonhumoro». La lerteco de S-ro Prager en uzo kaj elparolado de la lingvo estas tute rimarkinda kaj entuziasmigis la aŭdantaron.

Lundon, la 20an de februaro, kutima ĝenerala kunveno.

Sabaton, la 25an de februaro, nia vicprezidanto S-ro L. Bas malfermis Esperantan kurson en la Brusela Popoldomo (Sekcio: Radio-Klubo Socialista) antaŭ sesdekkvin lernantoj.

Lundon, la 27an de februaro propaganda parolado de F-ino Jennen en «Cercle Limbourgeois», pri «Zamenhof kaj lia verko».

Ni notu ankoraŭ ke, la 1an de Februaro, delegacio Brusela ĉeestis la inaŭguracifeston de la Esperanta grupo en Braine l'Alleud.

Dim. 29an de Aprilo: Ekskurso al Gento. Vizito de la Flora Ekspozicio (Floralies), de la urbo; komuna tagmanĝo. Kunveno en la Suda Stacidomo je 8 h. 45. Foriro: 9 h. 15. Alveno en Gento: 10 h. 30. Reveno: vespere. Sin enskribigi ĉe S-ro Van der Lyn. Oni estas petata pagi plej malfrue la 20an de Aprilo la prezon de la fervoja bileto: fr. 22.00, ĉu al la Kasisto, ĉu pere de la poŝtĉekkonto de la Brusela Grupo Esperantista (No 1230.48). — Aliurbaj samideanoj invitataj.

GENTO. — Tre interesaj fariĝas la ĉiusemajnaj kunvenoj de la grupo, kiujn regule ĉeestas diversnaciaj samideanoj; kiuj siavice parolas pri la moroj kaj kutimoj de sia lando.

SANKTA NIKOLAO. — Kiel kutime la gegrupanoj mulnombre ĉeestas la lecionojn sperte gvidatajn de S-ro De Clippeleir. Poste okazas diversaj amuzaĵoj, dum kiuj oni parolas nur Esperante. Preskaŭ ĉiuj membroj korespondadas kun eksterlandaj samideanoj kaj tiamaniere faras grandajn lingvajn progresojn.

Okaze de la jarkunveno la jena grupestraro estis elektita: prezidanto S-ro Geerinck; vicprezidanto F-ino Algoet; sekretario S-ro Van Ghendt;

kasisto S-ro Beirens; konsilantoj Sroj De Clippeleir kaj Schelfhaut. La ejo de la grupo estas «In Rome», Kardinaal Mercierplaats.

Por plifortigi nian movadon ĉe la flandraj Radioamatoroj, S-ro Van Ghent (Nieuwe Gasmeterstraat) petas, ke oni donu al li konsilojn kaj propagandrimedojn.

Fondiĝis lastatempe grupeto: «La Verda Rado», kiu nombras jam 20 el la plej gajaj kaj junaj gemembroj. Ĝi celas ekskursi biciklete kaj vidigi nian verdan flagon tra urboj kaj vilaĝoj. Baldaŭ okazos ekskurso al la lago de Overmeire al kiu estos invitataj ĉiuj samideanoj. Por informoj oni sinturnu al la Sekretariino F-ino Norma Van Hoeyweghen, Plezantstraat, 236, St. Nicolaas-Waas.

Fine la grupo starigis ŝparkason kiu enhavas jam pli ol mil frankojn!

TIRLEMONT. — La grupo ĉiam progresadas kaj bone laboras. 44 membro-abonantoj jam repagis sian kotizon al B. L. E.

S-ro Decock Edmond, juna samideano, instruisto kaj kursgvidanto, estis elektita kasisto, anstataŭante S-ron Gahide kiu eksiĝis pro troa laboro. Tri lokaj gazetoj aperigas ĉiusemajne informojn pri nia llingvo. La monata bulteno por la propagando de la franca lingvo, kiu kalkulas pli ol mil abonantoj aperigis interesan propagandan artikolon verkitan de S-ron Rodeyns la agema Vicprezidanto de la grupo, kiu perdas neniun okazon propagandi nian lingvon.

KORTRIJK (Courtrai). — La loka grupo malfermos publikan Esperanto-kurson la 28an de Marto 1928, por kiu la urbestraro afable metis je dispono de la grupo, la ĉambregon de la urbdomo. S-ro Demey gvidos la kurson. Nia movado antaŭeniras rapide kaj baldaŭ la Kortrejka grupo nombriĝos inter la ĉefaj de Belgujo.

---

## GRATULOJ

Al Fraŭlino HELENA MUSTERS, membrino de «La Verda Stelo» Antverpeno, kiu edziniĝis la 10an de Marto kun S-ro GASTON VAN EECKHOUDT.

Al Fraŭlino IDA VERMEULEN, membrino de «Antverpena Grupo Esp.», kiu edziniĝis la 31an de Marto kun S-ro Adv. WALTER DE VRIENDT.

Al S-ro kaj S-ino JOS. NUYTS - DE BUYSER, membroj de la Verda Stilo, Antverpeno, pro la naskiĝo de ilia unua infano HILDA, la 8an de Marto 1928.

Al Leŭtenanto kaj S-ino MAURICE VAN WANSEELE - BARBAIX, membroj de «La Verda Stelo», je la okazo de la naskiĝo de tria filineto, HUGUETTE.

---

## NEKROLOGO

S-ro JAN CASIMIR GEVERS, patro de S-ro Alfred Gevers, membrode «La Verda Stelo», Antverpeno, mortis la 8an de Marto. Al nia simpatia samideano kaj al lia edzino ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn.

# KNABO BLOVIS

J. Schürmann (Rotterdam 1874).

Sur ŝalmo blovis knab'. Kantet'
Gajigis hele en kviet',
Kantet' petola.
Mi sekvis lin kaj kun plezur'
Aŭskultis puran ludon nur,
Petolan kanton.

Nun ĉiam vivas en la kor'
La melodio longe for,
Petola kanto.
Sed ĉu variis senc' de ĝi?
Sin trovas nun melankoli'
En kant'petola.

El la Nederlanda
Tradukis H. Vermuyten.

# EN LA FRUKTARBEJO

En la fruktarbejo ni ambaŭ deskuis
de l'arboj maturajn la pomojn;
la fruktoj sukplenaj kaj ruĝaj disŝutis
ĉirkaŭen dolĉegajn aromojn.

De tempo al tempo avide ni mordis
ridante en saman la pomon; —
ni tute forgesis, ke ago simila
faligis unuan la homon.

Subite ventegis, ekpluvis kaj fulmis,
la ŝtormo kolere ekmuĝis,
la pluvo falegis kvazaŭ per riveroj,
sub arbo ni ambaŭ rifuĝis.

La robon vi levis sur vian kapeton
kaj ĝi je la pluvo nin tegis;
sed tie ĉi ankaŭ pluvego...
de kisoj sonantaj pluvegis !

Jan van Schoor.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

GENERALA KUNVENO 1928.

Al la Membroj,

Por faciligi al la belgaj samideanoj la partoprenon en la proksima Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en Antverpeno, la Grupaj Delegitoj unuanime decidis ne organizi nacian kongreson en 1928 kaj anstataŭ ĝin per ĝenerala kunveno de Belga Ligo Esperantista.

Ni havas do la honoron sciigi al vi, ke tiu ĝenerala kunveno okazos

dimanĉon, la 10an de Junio proksima, je la 4a posttagmeze en «Brasserie Flamande», rue Auguste Orts, 24 (apud la Borso), Bruselo.

Ĉiuj grupaj kaj izolaj membroj de la Ligo, estas afable invitataj ĉeesti tiun kunvenon.

La saman tagon, je la 10a matene, en la sama kunvenejo,okazos kunsido de la Liga Komitato. Ĉiuj grupoj estas insiste petataj nepre sendi Delegiton.

Ĉiujn proponojn por la tagordo de la Ĝenerala Kunveno de la Ligo oni bonvolu konigi antaŭ la 25a de Majo al la Ĝenerala Sekretario: 60. St. Lievenslaan, — 60, Boulevard St. Liévin, Gento.

Por la Ligestraro:

La Ĝenerala Sekretario, HENRI PETIAU.

La Prezidanto, FR. SCHOOFS.

---

# NOVAJ ENKETOJ KAJ EKSPERIMENTOJ RILATE LA MONDHELPLINGVAJN SISTEMOJN

La eksperimentoj fariĝas sur la bazo de kunlaborado inter: 1. IALA en New York kaj 2. «Instituto Jean Jacques Rousseau» en Genève.

1. IALA estas la nomo por Amerika Asocio por Internacia Helplingvo (International Auxiliary Language Association in the United States, Incorporated). Ĝi estas fondita en la jaro 1924 en New York kaj tute neŭtrala asocio, havanta kiel **celon** la enkondukon de unu helplingvo, kiu estu instruota al la lernantaro en ĉiuj landoj kiel taŭga rimedo por komuna interŝanĝo de pensoj inter personoj de malsamaj gepatraj lingvoj. Tiu postulas neŭtralan kaj objektivan esploron de la tuta mondhelplingva situacio.

Pro tio la **laboroj** de IALA etendiĝas sur du ĉefaj kampoj:

1. IALA klopodas interesigi grandajn rondojn por la helplingva movado;

2. ĝi faras esplorojn sur 3 kampoj: a) sociologia; b) lingva; c) pedagogia kaj eduka.

II. Rilate la 3an punkton IALA kunlaboras kun la **Instituto J. J. Rousseau en Genève.**

Ĉi tiu instituto, kunlaboranta kun la universitato de Genève, estas altlernejo pri pedagogia kaj eduka sciencoj, kiu speciale interesiĝas pri infanpsikologio kaj pri eksperimenta pedagogio. Tial ĝi ankaŭ interesiĝis pri la enkonduko de Esperanto en la lernejoj.Serio da konsultoj jam okazis en Genève kaj en New York dum la jaroj 1925-26 inter profesoro P. Bovet, direktoro de la Instituto J. J. Rousseau, kaj reprezentantoj de IALA kaj reprezentantoj de la Instituto de eduka esploro ĉe la «Institute of Educational Research, Teachers College, Columbia University».

Dum ĉi tiu kunlaborado oni akceptis programon, laŭ kiu oni celas

1) mezuri la progresojn dum lernado de iu helplingvo en lernejaj kursoj, kies instruistoj deziras serioze kunlabori,

2) prepari diversspecajn «testojn» (A. L. testoj-Auxiliary Language testoj) kaj eksperimentadi sur la bazo de tiuj testoj kun la helpo de la instruistoj, kiuj deziras kunlabori.

IALA kaj la Instituto J. J. Rousseau pro siaj celoj **bezonas la kunlaboradon de la reprezentantoj de la diversaj mondhelplingvaj sistemoj** kaj esperas, ke ili subtenos energie ĝian laboron.

---

# NI KUNLABORU !

En la supra artikolo pri novaj enketoj kaj eksperimentoj ni atentigas, ke IALA, same kiel la Instituto J. J. Rousseau, bezonas la kunlaboradon de la reprenzentantoj de la diversaj mondhelplingvaj sistemoj. Ekzistas neniu kaj nenia kaŭzo, ke ni, Esperantistoj, rifuzu tian kunlaboradon. Tute kontraŭe! Ni ĝoju pri la fakto, ke du tiom gravaj institucioj, kiel IALA kaj Instituto J. J. Rousseau, neŭtrale kaj objektive volas esplori la mondhelplingvan situacion, donante tiamaniere al ni la eblecon, montri sur la vojo de novaj enketoj kaj eksperimentoj, kaj precipe sur la vojo de test-eksperimentoj, la ĝeneralan taŭgecon de nia lingvo kaj precipe ĝian pedagogian kaj edukan valoron.

Multaj el niaj rondoj persone konas sinjorinon Alice V. Morris, kiu tiel simpatie representis IALA-n dum niaj lastaj internaciaj kongresoj, kaj ili scias, kiel favora ŝi estas al nia movado. Multaj ankaŭ konas sinjoron profesoron Bovet, kiu de la tempo de la Pedagogia Konferenco en Genève en la jaro 1922 (aranĝita de la Ĝenerala Sekretariaro de la Ligo le Nacioj) ĉiam tre bone sukcesigis nian aferon. Do, demandite, ĉu la Esperanto - Instituto por la Germana Respubliko volos kunlabori kun IALA kaj la Instituto J. J. Rousseau, por havigi al ĉi tiuj institucioj la necesan materialon, mi tre volonte konsentis kaj promesis fari ĉion por tia kunlaborado, ĉar mi havas la nepran konvinkon, ke el ĝi ankaŭ rezultiĝos multaj profitoj kaj sukcesoj por la Esperanto-movado.

Mi baldaŭ al la interesuloj — t. e. al la instruistoj, kiuj aliĝis al nia movado — pli detale kaj regule raportos pri la laboro farota. Mi turnas min al ĉiuj instruistoj esperantistaj, precipe ankaŭ al tiuj, kiuj jam instruis Esperanton en lernejoj. Pro tio mi unue petas ĉiujn asociojn, grupojn k. t. p., ke ili sendu al mi kiel eble plej multajn adresojn de instruistoj ĉiuspecaj, kiuj jam estas Esperantistoj aŭ montras iun intereson por niaj lingvo kaj movado.

Per mia laboro mi interalie esperas, povi doni al nia movado la ofte deziritan statistikon por instruistoj kaj lernejoj.

**Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko.**
**D-ro Dietterle.**

# DIVERSAJ INFORMOJ

## HEBREA DISERVO DUM LA KONGRESO.

Kiu rabeno aŭ alia kompetentulo estas preta fari Esperantlingvan predikon por la hebrea Diservo dum nia Dudeka? Ankaŭ aliaj samideanoj,kiuj scius pri iu aŭ konus iun Esp. rabenon,aŭ povus doni konsilojn, bonvolu skribi al la aranĝanto: E. URBACH, St. Jozefstraat, 56, Antverpeno.

---

## SEPA INTERNACIA KONGRESO BLINDAJ ESPERANTISTOJ.

### UNUA KOMUNIKO POR VIDANTOJ.

Okaze de la 20a Universala Kongreso de Esperanto, estos organizata la 7a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj.

Ni petas afablan kunhelpon de niaj vidantaj amikoj esperantistoj por konigi al ĉiuj blindaj esperantistoj inter siaj rilatoj, la prikongresajn aranĝojn, kaj faciligi ilian eventualan partoprenon.

Por kondiĉoj kaj aliaj informoj, blindaj esperantistoj estas petataj sin turni ĉu braile-skribe, ĉu nigreskribe, al subskribinto, kiu sendos aliĝilojn kaj komunikojn braille'ajn.

La L. K. K., laŭ kutimo de antaŭaj kongresoj, afable starigis blindulkason por subvencii partoprenon de blindaj samideanoj en la kongreso, kaj ni ĝin varme rekomendas al niaj amikoj.

Ni sincere invitas niajn vidantajn samideanojn ĉeesti niajn kunvenojn. Ankaŭ por la eventuale organizotaj koncerto kaj parolado pri blindulafero, ni petas jam vian atenton.

**HENDRICX, V. Ruststraat, 32, Ukkel. — Brussel (Belgujo).**

Aliaj gazetoj bonvolu represi.

---

## TUTMONDA PRESA LIGO.

La Ligo celas krei interrilatiĝon de ĵurnalistoj, redaktoroj, verkistoj kaj parlamentanoj de la tuta mondo por internacie gardi la interesojn de la gazetfakuloj kaj publikistoj. Ĝi volas solidare agi, kiam ĵurnalistoj kaj publikigistoj en eksterlando estas malhelpataj en profesiaj aferoj, eksigataj el iu lando k. t. p., volas ebligi reciprokan subtenon okaze de vojaĝoj,kongresoj, intervjuoj k. t. p., peradi interŝanĝon de informoj kaj publikigoj de verkaĵoj en eksterlando.

La definitiva fondiĝo de la Presa Ligo devas okazi en fakkunsido okaze de la **Esperanto-Kongreso en Antverpeno.**

Kolegoj kaj interesemuloj aliĝu kaj helpu prepari la Tutmondan Presan Ligon. Varbu inter gazetaraj rondoj! Faru proponojn al la iniciatinto:

F. W. Mischke, redaktoro, Radeberg Sa. (Germ.), Mühlestr. 15, aŭ

H. J. Hoen, ĵurnalisto, Köln ( Germ.) Unter Goldschmied 17, kiu reprezentos la Ligon ĉe la nunjara internacia ekspozicio de la gazetaro «PRESSA» kaj intencas efike varbi inter la tutmonda ĵurnalistaro.

---

## INTERNACIA EKSPOZICIO DE GAZETARO «PRESSA».

### KÖLN, MAJO-OKTOBRO 1928.

La loka komitato por starigo de speciala kiosko de Esperanto dum tiu ĉi ekspozicio bedaŭras treege, ke ĝi devas sciigi al la tutmonda Esperantistaro la plendindan fakton, ke pro nesufiĉa ĝisnuna kunhelpo de la alvokitaj samideanoj la alvenintaj mon-donacoj nur sumis je RM 124,85 kaj 2 Dol.

Kompreneble ĉi tiu malgranda sumo tute ne sufiĉos, por starigi indan kioskon. Ni ne volas plendi nuntempe. La detala raporto, publikigota okaze de la Internacia Kongreso en Antverpeno, ankaŭ pritraktos la ĉefajn kaŭzojn de tiu ĉi malefiko.

La komitato decidis sin dissolvi kaj estas preta, resendi la donacitan monon al la donacintoj, kiuj repostulos sian monon ĝis la 15-a de majo.

Provizora kasraporto: Enspezoj RM 124.85 kaj 2 Dol. Elspezoj RM 78.50.

Köln, la 31-3-28.

FR. KURTH, kasisto. H. J. HOEN, afergvid. sekr.

Por ne nuligi la jam faritajn laborojn kaj klopodojn, la nove fondita **Tutmonda Presa Ligo,** en organizado en diversaj landoj, estas preta, daŭrigi tiujn klopodojn, reprezenti ĉiuspecajn esp. organizaĵojn apud la diversaj Internaciaj Kongresoj dum «PRESSA» kaj varbi inter la ĵurnalistoj kiom eble. Ĝi petas subteni ĝin per aliĝo (1 Dol .) kaj mondonacoj, kiel la antaŭan komitaton.

Prov. komitato por germanl. sekcio:

redaktoroj F. W. Mischke, Radeberg Sa., Teo Jung Horrem, F. Thömmes Köln, W. Solzbacher Honnef.

afergvid. sekretario H. J. Hoen. Köln, Unter Goldschmied 17, kiu akceptas mondonacojn.

prov. helpantoj en Svedujo Einar Dahl, Uddevalla, en Nederlando, J. H. Vink, 's Gravenhage.

---

OFERTO DE OFICO. — Antverpeno komercisto bezonas komencantan stenotipistinon kiu konas flandran,francan,iom la anglan kaj se eble iom da germana. Preferon havas la kandidatoj - Esperantistinoj. Skribu al «Belga Esperantisto» STENO, 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno.

DEZIRAS KORESPONDI: F-ino Pauline Duncan, 14 Queen Street. Edinburgo (Skotlando); kun Antverpena Esperantisto;

F-ino Anni Schulze, Roonstraat, 24, Hagen (Westf.), kongresanino 232, kun samideaninoj el Antverpeno kaj Parizo.

S-ro Hans Roppert, Vicdel. de U. E. A., Brauhaugasse, 88, Tetschen-Elbe (Ĉeĥoslovakujo), por interŝangi poŝtmarkojn.

---

## LA HAVENTRAFIKO DE ANTVERPENO EN FEBRUARO KAJ MARTO 1928

En Februaro alvenis 893 marŝipoj kun entute 1.795.668 tunoj, en Marto 1024 kun 2.088.904 tunoj. Inter ili estis 9 velŝipoj kun 5858 tunoj.

Laŭ nacieco, la ciferoj aspektas jene: 738 anglaj, 322 germanaj, 159 belgaj, 146 nederlandaj, 125 norvegaj, 92 francaj, 64 svedaj, 73 danaj, 24 usonaj, 17 japanaj, 17 italaj, 13 grekaj, 7 portugalaj, 15 finnaj, 12 litovaj, 4 hispanaj, 11 brazilaj, k. t. p.

---

## EN STENOGRAFIAJ SFEROJ

Ĉiuj stenografiistoj scias, ke la stenografio estas scienco kaj arto, sed neniu, — aŭ almenaŭ la plimulto —, el ili povus klarigi kiom. La instruistoj, kaj la lernolibroj, ja konstatas tian verecon, tamen neniie oni donas klarigojn pri la afero.

Mi ĵus legis kaj studadis la tre interesan verkon «Die Kurzschrift als Wissenschaft und Kunst» (Verlag Akademie für Kurzschrift, Leipzig, 2 partoj, po 11 Mk.) de la eminenta sciencisto S-ro v. Kunowski.

La unua parto traktas pri ĉiuj la elementoj, kiuj formas la stenografian sciencon: Fonetikon, ofteco de la sonoj,analizo de la diversaj signoj, formoj, kunligadoj kaj mallongigoj, logika klasigo de ĉiuj la elementoj de la stenografia tekniko. La zorgema ekzameno de tiuj fakaj materialoj devis, komprenneble ,alkonduki la aŭtoron al la eltrovo de la reguloj, kiuj regadas la kursivajn stenografiojn, kaj li klarigas ilin simple kaj klare.

La dua parto donas al ni la okazon profunde penetri kaj kompreni la «genion» de la germanaj kursivaj sistemoj. Ĉiuj la germanaj aŭtoroj estas plene kaj senpartie ekzamenataj, de Gabelsberger, patro de la

kursiva skolo, Stolze, Schrey, kc. ... ĝis la nunaj stenografioj .La verkisto montras, kiel la vokaloj estas reprezentataj kaj rakontas, kiel la germanaj sistemoj fariĝis pli kaj pli pure fonetikaj. Estis rapida evolucio, ĉar post malpli ol unu jarcento oni verkis sistemon, kiu kapabligis kvinjarajn geknabojn lerni kaj praktiki la stenografion:La«Nationalstenographie»,fonetika sistemo de S-ro v. Kunowski, alfarata al nia lingvo internacia.

Sesdek tabeloj kun miloj da grafikoj klare komprenebligas la ĉisupre cititajn prilaboritaĵojn. Ĉiuj stenografiistoj, kiuj fervore amas sian arton, certe havigos al si tiujn verkojn.

Mi alvokas miajn gesamartanojn al la Esperantaj konkursoj stenografiaj kaj daktilografiaj, kiuj okazos en la ĉambroj de la «Palais du Midi» en Bruselo la 17an de junio. Tiuj naciaj konkursoj estos organizataj de la Unuiĝo de la Asocioj stenografiaj kaj daktilografiaj de Belgujo.

La antaŭan tagon (sabaton), okazos en la urba domo de Uccle - Bruselo, la ĝenerala kunveno de la Unuiĝo al kiu niaj gesamartanoj estas invitataj. Temo de la diskutado: «La salajro de la steno-daktilografiist(in)-oj»). Ĉiuj ĉeestantoj rajtos prezenti raporton kaj esprimi siajn opiniojn pri la afero.

Por plia informado sin turni al la Prezidanto de la Asocio de Belgaj stenografiistoj ge-esperantistoj, S-ro Cogen, 42, Dreef, Ninove, kiu aranĝos la programon de la esperantistaj okazontaĵoj, aŭ al la subskribanto, kiu organizos la Kongreson de l'Unuiĝo.

**RENE J. HAILLEZ,**

**Stenografiisto ĉe la Ĉambro de la Reprezentantoj,**

**95, Van der Elststraat, Watermael-Bruselo.**

---

# HUMORO

INTERESIĜO.

La profesoro de filozofio, post longa klarigo de iu teorio: «Kaj nun vi povas fari demandojn al mi.»

Voĉo el la fundo de la ĉambro: «Kioma horo estas ?»

EN LA ZOOLOGIA ĜARDENO.

— Fraŭlino, estas malpermesate fotografi en la ĝardeno.

— Ne la kamelon, sed ja mian fianĉon mi fotografas.

— Tutegale! Oni devas ĉi tie fotografi neniun beston!

FALO.

Gvidisto montras al maljuna angla sinjorino la kupran ladon kiu, sur la ponto de la ŝipo «Victory», montras la lokon kie Lord Nelson, la heroo de Trafalgar, mortis.

— Estas tie-ĉi ke li falis, Sinjorino.

— Tio ne mirigas min, respondis iom akre la maljuna sinjorino, mi mem preskaŭ glitfalis sur ĝi.

DORMI, AŬ NE DORMI.

Du amikoj loĝas en sama ĉambro.

— Henriko, ĉu vi dormas?

— Ne.

— Ĉu morgaŭ vi bonvolas pruntedoni al mi dek frankojn?

— Mi dormas.

ĜENTILECO.

Paĉjo instruas al sia filo la regulojn pri ĝentileco.

« Kiam vi vojaĝas en tramveturilo kaj persono pli aĝa ol vi eniras, la ĝentileco postulas, ke vi cedu vian lokon, ĉefe kiam estas al virino. »

La sekvantan tagon, patro eniras kun Johano tramveturilon, kaj, ĉar restas nur unu sidloko, sidigas lin sur siaj genuoj.

Je tiu momento alvenas dika sinjorino.

Johano, tuj, sin levas kaj, montrante al la sinjorino la patrajn genuojn: «Sinjorino, se vi deziras sidiĝi...»

---

# BIBLIOGRAFIO

LA FORIGO DE LA MORTPUNO, de E. Dehn. Eldonis 1927: Wilh. Dates Bogtrykkeri, Kopenhago - Danlando. 8 paĝa broŝuro 14.5 cm × 22 1/2 cm. Prezo nemontrita.

RAPORTARO DE L' LINGVAJ INSTITUCIOJ prezentitaj al la 19a Universala kongreso de Esperanto, Danzig 1927, 20-paĝa broŝuro kiu enhavas jenajn dokumentojn: Raporto de la Prezidanto de la Akademio, raporto de la direktoro de sekcio: Komuna Vortaro, raporto de la direktoro de sekcio: Gramatiko, raporto de la direktoro de sekcio: Elparolo kaj Premioj, raporto de la direktoro de la eksterakademia sekcio por ellaborado de la Teknikaj Vortaroj.

GALERIO DE ZAMENHOFOJ de Ed. Wiesenfeld, kun 18 portretoj, unu familia bildo kaj genealogia tabelo. Teksto 4 0paĝoj. Prezo kartonite Rm. 1.—. Eldonis Heroldo de Esperanto, Horrem apud Köln.

INTERNACIA FOIRO DE LYON (Marto 1928), lukse eldonita 16-paĝa broŝuro ilustrita havebla senpage de la Foira komitato.

UNIVERSALA KAJ INTERNACIA FOIRO DE PARIS (12-28 Majo 1928) 6-paĝa ilustrita prospekto eldonita de la Foira komitato.

TRA AUSTRIO estas la titolo de riĉe ilustrita prospekto 10-paĝa sur bela papero presita. Ĝin eldonis je siaj kostoj la Ministrejo por komerco kaj trafiko. Ni instigas la Esperantistojn peti senkostan alsendon de tiu bela faldfolieto. Adreso: Oesterreichisches Verkehrsbureau, Friedrichstrasse 1, Wien I).

ESPERANTO LEERBOEK door G. H. Benink, Onderwijzeres. Eldonis la verkistino Molenkamppark 8, Almelo. 184 paĝoj 15 × 20.5 cm. Prezo: Guld. 2.—. Tiu nova lernolibro estas dividita en 61 lecionoj kaj enhavas 122 ekzercojn. La celo de la aŭtorino estis, krei lernilon por malpli instruitaj personoj, eĉ por infanoj. La principoj, kiuj ŝin gvidis, estas: prezenti malmultajn malfacilaĵojn samtempe, havigi grandan ekzercomaterialon por la praktikado kaj oftan ripetadon, fine kiel eble plej frua pritraktado de la plej malfacilaj detaloj por ke sufiĉa aplikado kaj ripetado estas eblaj. Estas anoncita aparta ŝlosilo, por kiuj deziras lerni Esperanton sen profesoro.

Ni povas diri,ke la aŭtorino atingis sian celon kaj ni rekomendas la lernolibron, kiu cetere belege aspektas: presita sur tre bona papero kaj fortike kartonita.

---

## JUS APERIS

PREMIER MANUEL de la Langue internationale auxiliaire ESPERANTO. Edition spéciale pour la Belgique. Eldonis Belga Esperanto - Instituto, K. S. Antverpeno. 32 paĝoj. 50 Centimojn. 10 ekzempleroj: Fr. 3.50. Ni atentigas la grupojn kaj la propagandistojn en la tuta lando pri la reapero de tiu utilita libreto pli bone konata sub la nomo de «brochure rouge». Granda avantaĝo en tiu nova eldono estas, ke ĝi enhavas la adresojn de la belgaj organizaĵoj de la Esperanto-movado.



# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

**18, RUE NEUVE, 18 — LEDEBERG - APUD - GENTO**

TELEGRAF-ADRESO: „ PERFECTA „ GENT

TELEFONO: 635

---

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

---

EKSPORTADO

CIF AL ĈIUJ HAVENOJ




**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj de la**

**Belga Ŝtatfervoja estraro :**

TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

---

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**
**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# L. Scheerders - Van Kerchove

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)